# U.K en Montpeliero

## *Fervojista kontaktkunveno de I.F.E.F.*

Merkrede 98.08.05 -9h -lOh30 partoprenis 71 kongresanoj el 18 landoj. Gvidis Sinjoro István Gulyás vicprezidanto de IFEF.

Post la malferma parolado de Sinjoro Gulyás, Petro Chrdle elvokis la 90-jaran naskiĝotagon de Jaromir Babiča.

Sekvis la raporto de István Gulyás pri la 50-a IFEF-kongreso.

Postvenis la prelegetoj de :

- Jean Ripoche pri "Arto kaj Fervojo";
- Jozefo Halasz pri "La streĉo en la reloj".

Post la prelegoj okazis vigla diskuto pri la kunlaboro kun aliaj fakaj asocioj en la kadro de "Kampanjo 2000", pri la venontjara Internacia Skisemajno, pri la venontaj IFEF kongresoj, pri la terminologia agado, ktp... Grupo da 20 ĉeestantoj vizitis post la kunveno la stacidomon kaj la substacian centralon de Montpeliero.



*Kelkaj partoprenantoj de la IFEF-kunveno dum UK.*
*- István Gulyás (HU), IFEF-vicprezidanto kaj UEA-komitatano por IFEF,*
*- Elfriede Kruse (DE), honora membrino de IFEF*
*- Clara Gubbioli Carioli (IT)*

*Foto : S. Chrdlová*

*Grandparte, eltiraĵo de la kongresa bulteno.*

**Frontpaĝo :**

De la festeno de 90-jariĝo de Jaromír Babiča (CZ), honora membro de IFEF

:*Stajno Chrdlová gvidas nian jubilulon al la registara salono de la ĉefa stacidomo en Prago, kie jam atendis la gratulantoj...*

*(Fotis Petro Chrdle)*

**Enhavo**

# 51a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

## 8a-15a de majo 1999 en Le Mans Francio

**LKK Komuniko n-ro 2 pri 51a IFK**
**Ekskursoj :**
LKK :
-infomas vin, ke la diversaj ekskursoj povos okazi, nur se minimume 40 personoj aliĝis; en tia okazo, la konsiderata ekskurso estos nuligita;
- atentigas vin pri la fakto, ke dum la vizito de la rajdarto-lernejo en Saumur ni ne vidos karuselon sed nur trejnadon de la ĉevaloj por venontaj ĉevalaj prezentadoj. Karuselo okazas nur dum kelkaj tagoj jare.

***********************

*Merkredon la 12-an de majo*

## Tuttaga ekskurso al SAUMUR



*Kastelo de Saumur*

Saumur (30 000 enloĝantoj), urbo de Anĵuo, situas borde de la riverego Luaro je 100 km de Le Mans. Ĝi famas pro la kastelo, la ĉevaloj de la "Cadre noir", kaj la vinoj.

Fortreso de la 13-a j.c, poste plezurloĝejo de la dukoj de Anĵuo, **la kastelo de Saumur** estas unu el la raraj prezentantaj arkitekturon de la 14-a j.c, kiu anoncas la finiĝon de la mezepoko, kaj la komenciĝon de la Renesanco. Ĝi staras sur monteto superanta la Luaron kaj estas videbla de malproksime. Fine de la 16-a j.c Saumur iĝis la sidejo de protestanta Akademio kaj grava fortika urbo.

Kreita en la 18-a j.c, la fama rajdarto-lernejo, pli konata nun sub la nomo **"Cadre Noir"** montras la ĉevalon en prestiĝa kadro. Oni povas viziti la ĉevalejojn kaj la plej grandan maneĝon en Eŭropo. Eblas ĉeesti seancojn de laboro, demonstraciojn de rajdarto.

La **vinkeloj** kavigitaj en la kalka ŝtono de la regiono, gardas la bonajn vinojn de Saumur: ruĝajn, blankajn, rozajn kaj ĉefe la saŭman vinon de la regiono. Eblas viziti kaj gustumi.



*Le Cadre noir de Saumur*

# Post kongresa programo

Post la kongreso de la 15a ĝis la 18a de majo, eblas ekvidi la belegan regionon "Normandion".

*Jen la programo :*

***Sabate 15an :***
Deauville, Honfleur, La Ponto de Normandio.
*Matene,* aŭtobuso kondukos nin de Le Mans ĝis la Manika Maro. Konforta restadejo "V.V.F." en Colleville sur Mer akceptos nin.
*Posttagmeze*, ni vizitos la "Florgarnitan Marbordon", kiu enhavas la plej imponan stacion de Normandio "Deauville" kaj la mirindan fiŝhavenon "Honfleur". Poste ni povos admiri la stajponton transpaŝegantan la riveregon "Sejnon" (Seine). Ĝi posedas mondan rekordon koncerne la spanon. Jen la ponto de Normandio !
Vesperprogramo aŭ libertempo.

**Dimanĉe 16an :**
Villedieu les Poêles, Monto Sankta Mikaelo.
La tuttaga ekskurso veturigos nin al la plej okcidenta loko de Normandio : "Monto Sankta Mikaelo".
*Matene* ni haltos en la urbeto Villedieu les Poêles kaj vizitos faman sonorilfandejon. Haltejo en Avranches kaj tagmanĝo en restoracio.
*Posttagmeze* ni vizitos la benediktan abatejon de Monto Sankta Mikaelo. Ĝi staras sur roka insuleto ekde la oka jarcento. Dektrian jarcenton, monaĥejo de la "Mirindaĵo" estis konstruita. La klostro kaj la preĝejo prezentas belegan ekzempleron de la gotika arkitekturo.
Muzika vesperprogramo.

**Lunde 17an :**
Normandaj tradicioj
*Matene* ni vizitos kelon en tipa farmobieno (17a jarcento), kie ni gustumos cidron kaj pomalkoolaĵon "Calvados".
Tagmanĝo en restadejo "V.V.F.".



*Monto Sankta Mikaelo*

*Posttagmeze* ni vizitos la ĉefan fiŝhavenon en Normandio "Port en Bessin", la kastelon de "Crève Cœur en Auge" kaj la muzeon "Schlumberger" (normandan arkitekturon).
Vespermanĝo en gastejfarmo. Poste, en Benouville, ni vidos sonluman spektaklon pri la batalo de "Pegasus Bridge" (historia nokto de la 6a de junio 1944).

**Marde 18an :**
Matenmanĝo kaj foriro aŭtobuse ĝis la stacidomo de Bayeux kaj disiĝo.

---

**Redaktoraj notoj :**

Por tiu ĉi numero de IF, mi ricevis multe da interesajn kontribuaĵojn kaj dankas la verkintojn.
Tamen, pro manko de spaco mi ne sukcesis aperigi ĉiujn artikolojn kaj pardonpetas al la sendintoj.

La Red.

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA PLEN-KUNSIDO

en la 50a IFEF-kongreso en Aalborg (DK) -19.05.1998.

(*Sekvo de IF n°1998.5*)

Mallongigoj : Pr = prezidanto, Vp = vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, Hp = Honora Prezidanto, Hm = Honora Membro, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = l. asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166).

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

K-go Heinz Dieter Hartig (DE) legas la raporton de la Gv. Inĝ. Jószef Halász (HU) malhelpata partopreni, kiu informas pri la faka agado. Ĉefe pri tio, ke nova serio de fakvortaroj ne aperis, sed ke en Belgrado (YU) aperis kvinlingva terminaro pri kombinita transporto, kiu ne nur enhavas fakesprimojn, sed ankaù iliajn mallongajn difinojn. Unu el la kvin lingvoj estas Esperanto. Li sugestas dankon al niaj Jugoslavaj gek-goj. Aperis du numeroj de TEKU.
La fake aplika agado sufiĉis por plenigi sepan numeron de "Fervojfakaj Kajeroj" kaj la fakprelogoj kongresaj kaj eksterkongresaj (ĉefe en UK) abundis.
Unuanime aprobita.

**8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio** (FAS)

K-go Tomišek legas la raporton de la ne ĉeestanta Sk Inĝ. Ladislav Kovář (CZ), skizantan la laboron de FAS. La raporto informas pri titoloj kaj enhavoj de ĉefa fakprelego kaj novaj prelegetoj dumkongresaj, kaj ankaŭ pri la kontribuaĵoj en la sepa FFK. Aparte ĝi mencias la laboron de Hp Giessner, kiu preparis por la jubilea kongreso prelegon "IFEF-Kongresoj dum 50 jaroj".

Unuanime aprobita

**8.3 Sekretario de la Terminara sekcio**

La Sk, d-ro Hoffmann detaligas la tradukan kaj revizian laboron de la Terminara Sekcio, el kio elstaras la gratuloj de la reviziantoj de PIV por la difinita faka kunlaboro, kiu kulminos per la finrevizio en 1999 aŭ 2000. Menciindaj la fekunda laboro por la 3-a versio de la CD-ROM kaj la daŭra apero de TeKu dank'al K-go H.Dieter Hartig. Prezentante la broŝuron de Terminologio de Kombinita Trafiko, d-ro Hoffmann dankas kaj gratulas la kontribuintojn de tiu sukcesa aktiveco, nome k-gojn Sredić kaj Sekereŝ. La ilustrita Terminologio estas verkita apude en la franca, angla, germana kaj serba ankaŭ en la esperanta lingvoj. Necesas nomumi kunlaboranton en nova terminologia grupo de UIC.
Unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1. Skisemajno (IFES) 1998**

K-ino Denise Happi-Fosso raportas nome de la komisiito, k-o Hubert Peyrouty pri tiu aranĝo, kiu sukcese okazis de la 7-a ĝis la 14-a de februaro 1998 en la Slovena urbo Maribor kun partopreno de 40 personoj el 9 landoj.
Unuanime aprobita

**9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)**

La komisiito k-o Sorin Porupca (RO) informas pri la porkoresponda agado. Li traktis 20 korespondaĵojn el / al 12 landoj. Li proponas novan demandon en la jara cirkulero por pliampleksigi la kolekton de la informoj por la FKS, sed laŭ la Ĉk la celo de la cirkulero eble ne taŭgas por tio.

**9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA**

Vp Gulyás raportas pri la 82-a UK en Adelaido (AU), al kiu partoprenis 1244 personoj el 57 landoj. La kongresa temo estis "Toleremo kaj justeco en multkultura socio". La fervojistan fakkunvenon partoprenis 20 gesamideanoj el 9 landoj. La partoprenantoj povis aŭskulti du fakprelegojn, la unuan de la Vp kaj la duan de d-ro Imre Ferency kun interveno de la IFEF-Sk Bolognesi. Krome, ili traktis la temon de Kampanjo 2000 por la venontaj 3-ĝis 5 jaroj. Aparta traktado sub la punkto 13.1.La Vp anoncas sian partoprenon en la 83-a UK en Montpellier (FR), kie okazos fervojista fakkunveno, merkredon la 5-an de aŭgusto 1998, je la 9-a horo kun eventuala posttagmeza fakvizito.
Unuanime aprobita.

**9.4 Uniformparado**

Hp Engen informas, ke k-o Krogstie (NO) rezignis pri la kunordiga tasko, eble pro la magraj reagoj, parte eĉ negativaj, kaj li sugestas trovi novan iniciatanton.
Hp Giessner taksas grave tian prezentadon kaj proponas sendi novajn instigajn leterojn al la l.a ; sed oni konscias, ke malmultaj el ni estas dungitoj portantaj uniformon kaj okaze de niaj kongresoj kunportas kaj surmetas ĝin.
K-o Sredić sin demandas, kial ne peti prunteprenon de uniformoj el la fervojoj mem, kiuj eble ŝatus tiel propagandi.

**10. Resumo de jarraportoj 1997 el la landaj asocioj**

Vp Gulyás resumas la situaciojn kaj agadojn de l.a., kies pritrakto aperos en IF
Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

Pr Bolognesi opinias, ke la supre menciita raporto de la Vp, ja estas vasta kaj informdona.

**12. Buĝeto 1999 kaj kotizkonfirmo**

**12.1. Buĝeto**

La Ks pritraktas la proponon de la buĝeto 1999, jam disdonitan al ĉiuj k-anoj.

**12.2. Elekto de revizoroj**

Laŭstatute devas esti nomumitaj 3 revizoroj de la lando de la Ks.
Ks proponas jenajn :
1. E.Henning OLSEN
2. Erik MORTENSEN
3. Anker NIELSEN.
Buĝeto kaj revizoroj unuanime aprobitaj.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj**

**13.1. UEA**

La Vp konfirmas pri bonaj rilatoj : ja IFEF daŭre restas la plej vasta kaj aktiva faka asocio de UEA. En la jarlibro 1997 estas 56 FD (FakDelegitoj) pri fervojo "Kampanjo 2000" de UEA instigas agadi ankaŭ la Fakajn Asociojn, kiuj povos havi la eblecon ricevi idealan kaj konkretan apogon flanke de UEA mem. La laborplano, prilaborita de la Vp, diskutita de la e-o, kaj jam en la manoj de la k-anoj, ricevas kompletan konsenton ; pro tio ĝi fariĝas IFEF-laborplano tiurilate por la jartrio 1998 - 2000.
Hp Giessner estas preta transpreni la taskon kolekti historian materialon kaj starigi bibliotekon. Li petas ĉiujn membrojn kolekti kaj arkivi indajn objektojn.
Krome, li aprobas malfermon de IFEF al aliaj personoj kaj sugestas daŭrigi la fakan laboron.
K-go Olsen (DK) kontaktis fervojan muzeon por doni al ili objektojn de nia aso-

cio.
Vp Gulyás informas, ke li ankaŭ traktis kun d-ro Imre Ferenczy, Pr de UMEA (Universala Medicina Esperanto Asocio), kunordigan strategion kadre de la sama Kampanjo. Tekston pri tio li legas al la asembleo kaj petas ĝian aprobon por eventuala subskribo. La dokumento ricevas la konsenton de la k-o, kaj tial li estas rajtigita daŭrigi kaj flegi la kunlaboron, kies kerno estas sanpreventa agado ĉe la fervojistoj".

**13.2. FISAIC**

La Pr mencias, ke ne estas gravaj novaĵoj, krom ke nia Hm Lucien de Sutter sukcese organizis en Ostendo (1997/10/02-05) FISAIC-"Presidium". Pro tio ankaŭ IFEF varme gratulas kaj dankas lin, kiu tamen atentigas ke, bedaŭrinde, en 92-Millau, jam.ĉeestis 9 esperantistoj, sed en 97-Ostendo nur 2. Pro tio li instigas, ke kiel eble plej multaj k-goj partoprenu en la FISAIC-aranĝoj, la plej proksima en HU, Balatonboglár, dum la lastseptembra semajnfino.
K-go Sredić proponas havigi propran bileton al delegito.
K-ino Feifičova sugestas tradukon de protokoloj por ne-esperantistaj asocioj. La Pr tion faros.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1. Konfirmo do invito al la 51-a IFK (FR) 1999**

Unuanima aprobo pri la elekto de la loko Le Mans kiel kongresurbo, 1999/O5/08-15. La LKK anoncas ankaŭ postkongreson en Normandio, Colleville sur Mer, kun vizito al la fama "Mont Saint Michel". Post la plenkunsido kaj dum la tuta kongreso okazos disdono de invitiloj, aliĝiloj, glumarkoj.
K-go Glättli (CH) petas klarigon pri la nuligo de kongresloko Maribor (SI), kiun la Pr donas.

**14.2 Elekto de lando por 52-a IFK en 2000**

Post retiro de RO por la jaro 2000, la Vp prezentas proponon por HU (Budapeŝto), vicigante diversajn aspektojn pri la afero : estas bonaj kondiĉoj por starigi laborkapablan LKK, havi sufiĉe da helpantoj, konvenajn kongresejon kaj hotelojn. Definitivaj decidvortoj devas veni de la fervojo kaj de la FISAIC-sekcio, ĉar certe necesos subtenon pro la diversaj antaŭpagoj. Li certigas respondon en septembro (en Plan aŭ Balatonboglár).

**14 3 Diskuto pri pluraj eblecoj**

Sin anoncas du l.a kiuj intencas organizi venontajn IFK, nome la bulgara (urbo Plodiv) kaj la rumana.
Atendante ricevi pli detalajn kaj konkretajn planojn, unue pri la preteco en la lando kaj sekvontjare pri la urbo, la k-o provizore orientiĝas tiel ; 2001, 53-an IFK en BG; 2002, 54-an IFK en RO.

**I5. Venontaj IFES 1999 kaj 2000**

K-ino Denise Happi-Fosso nome de la komisiito Peyrouty, donas la vorton al k-ino Janina Wereszka (PL), kiu invitas por la 40-a IFES, 1999/02/14-20, en PL, Karpacz (Montaro Karkonosze), ĉirkaŭ je 17 km-oj de Jelenia Góra kaj 100 km-oj de Wroclaw.
La loko estas unuanime aprobita
Por 41-a en 20OO sin proponas RO.

**16. Eventualaĵoj**

La Pr memorigas pri la IFEF-iniciato kolekti kaj publikigi prifervojajn beletrajn verkojn okaze de la 50-a jubilea IFK. Kvankam alvenis sufiĉe da materialo antaŭ la kongrestempo, pro kelkaj malhelpoj, ne eblis eldoni ĝin laŭ la planita tempo, sed plej eble baldaŭ oni sukcesos plenumi tion.
K-go Stefan (RO) informas, ke en RO oni sukcesis titoli trajnon laŭ la nomo "ESPERANTO". Varmaj gratuloj kaj dankoj de la asembleo iras al la fervojaj s-anoj, kiuj atingis tiun bonegan rezulton por la tuta E-movado. Li ankaŭ invitas aranĝi kunvenojn en la orienteŭropaj landoj, kie certe estos bona akcepto.
K-o Bergh (NO), rilate la kampanjon 2000, dubas, ĉu junuloj volas kunlabori ?

**17. Libera diskutado**

La Pr invitas al pli longa ebleco diskuti pri ĝeneralaj temoj dum la kunveno "Movadaj Aferoj", merkredon, la 20-an je la 15.00h.
Li sciigas, ke la kongreson sume partoprenis 263 personoj el 21 landoj.

Fine de la traktindaĵoj, Pr Bolognesi fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 11.06.1998
Protokolis la Ŝk Romano BOLOGNESI : punktoj 1.-6.1.
Vieno, 28.06 1998
kaj la nova Sk Ernst QUIETENSKY : punktoj 6.2.-17.

************************************************

## Rolf Pelletier adiaŭis nin

***Mi skolte foriris***
***Mi atendas vin en la transmorta mondo.***
***La 14an de aŭgusto 1998***



Tiel volis anonci sian forpason Rolf Pelletier. Li estis 87jaraĝa
Rolf lernis Esperanton en 1927, kiam li aĝis 16 jarojn, kun instruisto, kiu lernis de Zamenhof mem . Jam en aŭgusto 1929 li partoprenis la 9an internacian Esperanto-kongreson de Sennacieca Asocio Tutmonda en Lepsiko.
Tre aktiva kaj sindonema, li ĉeestis multajn IFEF kaj naciajn kongresojn; interalie tiun de SAT en Toronto en 1973 kaj turisman vojaĝon tra Ĉinio, pere de Esperanto. Ĉiufoje li instigis kelkajn francajn, germanajn kaj nederlandajn IFEF-anojn al partopreno.
Tre klera homo, li altiris simpation kaj havis multajn gekorespondantojn en la mondo. Kiam li emeritiĝis en 1966, li estis substaciestro en Le Mans, kie li gvidis kursojn kaj prezidis la grupon. Li retiriĝis en suda parto de Francio en Alès, kie li daŭrigis sian agadon kaj aktive partoprenis la organizon de IFEF-kongreso en Avignon en 1969.
Lastfoje ni vidis lin en Le Mans okaze de nia jarkunveno en 1994.

Li ripozu en paco.

Josette Vonay

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj

*(Sekvo de I.F n° 1998.5)*

***9. Junulara agado.***

Dekdu landaj asocioj raportas pri la junulara agado. En sia membraro IFEF havas 210 gejunulojn sub la trideka vivjaraĝo.

En 1996 IFEF havis 265 gejunulojn ; ankaŭ en tiu tereno la esperantomovado malkreskas. En Rumanio kaj Hungario 60, en Ĉinio 40 gejunuloj troveblas inter la fervojistaj esperantistoj. Ĉefe en Ĉinio malaltiĝas la nombro de gejunuloj, ĉar en 1996 inter la ĉinaj esperantistoj estis 65 gejunuloj. En la antaŭa jarraporto de la franca landa asocio estis legeble, ke 28 gejunuloj ekzistis ĉe la asocio kaj laŭ la nuna jarraporto ili malaperis.

En Ĉinio ekzistas du junulgrupoj kaj en Rumanio unu memstara junulgrupo.

Ni denove analizis la kialojn de la malmulta nombro de la gejunuloj en nia federacio. Laŭ la raportoj de la landaj asocioj, mi konstatis, ke ĉiu landa asocio havas aliajn eblecojn, alispeciajn cirkonstancojn, malsamajn situaciojn, kondiĉojn, pretendojn kaj dezirojn por varbi gejunulojn. La estraranoj de la landaj asocioj plendas, ke vane provis kaj flue klopodas agiti, varbi inter la gejunuloj, sed ne estas intereso. En Aŭstrio, Belgio, Francio, Germanio, Japanio, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Svedio kaj Svisio, ne troveblas gejunuloj inter la fervojistaj esperantistoj.

Mi supozas, ke ĉiu landa asocio devus ekzameni la kialojn en propra lando kaj decidi la taskojn koncerne tiun temon. Laŭ la indikoj, la fervojista esperanto-movado rapide maljuniĝas kaj, sen nova generacio, ni ne havos estonton !

***10. Landaj organizoj. Kontakto kun IFEF-redakcio.***

Dekses landaj asocioj havas propran organon aŭ periodaĵon. Inter ili Danio kaj Francio dekunu foje, Ĉinio sepfoje, Belgio kvinfoje, Aŭstrio, Germanio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svisio kvarfoje, Italio trifoje, Japanio kaj Slovenio dufoje, Rumanio unufoje aperigas ĝin jare. Ses landaj asocioj ne eldonas propran periodaĵon.

La totala amplekso de tiuj organoj nombras 760 paĝojn ; tiu kvanto estas la plej granda el la aliaj fakaj organoj.

Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas propran organon pure en esperanto.

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj, en kvar landoj ili havas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolojn pri la fervojfakaj novaĵoj.

Ĉiu landa asocio - escepte de Bulgario, Kroatio kaj Svedio - havas respondeculon pri la kontakto kun la IFEF-redakcio.

***11. Terminara kaj traduka laboro.***

Laŭ la raportoj, dekses landaj asocioj laboras sur la tereno de terminara kaj traduka laboro. En kelkaj landoj agadis terminara grupo. En la pasinta jaro la terminara sekcio de IFEF atingis gravajn rezultojn. La sekcio reviziis 941 novajn fakesprimojn, kaj tradukis 266 difintekstojn. Kelkaj landaj asocioj kunlaboris en la reviziado de fervojfakaj terminoj en PIV.

Laŭ la dua eldono de CD-ROM, la hungaraj fervojistaj esperantistoj - helpe de la Hungaraj Ŝtatfervojoj - pretigis, redaktis kaj presis belaspektajn kaj binditajn dulingvajn naciajn vortarojn pri ĉiu nacia lingvo, kiu aperis en la dua eldono. La naciaj lingvoj estas jenaj : angla, ĉeĥa, dana, franca, germana, itala, hispana, hungara, nederlanda, portugala, rumana kaj sveda. Kompreneble la alia lingvo ĉiam estas la esperanta. Kelkaj landaj asocioj

aĉetis la tutan serion, eĉ la biblioteko Hodler ricevis senpage du seriojn.
Estas ĝoja evento, ke en Beogrado aperis kvinlingva terminaro de kombinita transporto. La terminaro enhavas ne nur la fakesprimojn, sed ankaŭ iliajn mallongajn difinojn.
Aperis la sesa eldono de "Fervojfakaj kajeroj" , kiu enhavas sep fervojfakajn artikolojn. Preskaŭ ĉiu landa asocio raportis pri la aperigo de pluraj fakartikoloj en la fakaj revuoj aŭ en aliaj periodaĵoj.

*12. Ekonomio.*
La ĝenerala ekonomia situacio en la pasinta jaro estis rilative kontentiga en Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Japanio, Norvegio kaj Slovakio. Eĉ dek landaj asocioj havis ne tro rozkoloran situacion sed tamen ili povas funkcii helpe de la apogoj, donacoj kaj aliaj rimedoj. Multaj landaj asocioj ricevis financan subvencion kaj aliajn apogojn de fervojoj, sindikatoj kaj landaj FISAIC-organizaĵoj. En ĉiu lando devas ekonomii per ŝparprogramo, kaj akiri subvencion.

*13. Diversaĵoj.*
En Aŭstrio ,laŭ ŝtata ordono, oni devas ŝpari kaj merkatigi ĉiun posedaĵon ; pro tio la landa asocio devas pagi por la uzataj klubejoj, sekretariejoj, energio ktp.
La urba muzeo de la ĉeka urbo Ĉeska-Trebova eldonis bildkartojn kun esperanto-teksto, kaj eldonis broŝurojn pri la urbo kun esperanta resumo.
En Italio okazis multaj pri - kaj - por esperantaj manifestacioj, en kiuj la italaj fervojistaj esperantistoj vigle agadis kaj kunlaboris.
En Hispanio, la fervojistaj esperantistoj kun diversaj esperanto-grupoj florkronadis la Zamenhof-monumenton.
La Jaro 1997 estis grava mejloŝtono de la historio de la landa asocio ĉar la organizita fervojista movado estis 40 jara. En 1957 naskiĝis la faka revuo "Hungara Fervojista Mondo".
La revuo "Jusgoslavia Fervojisto" ŝanĝis aspekton kaj formaton. En Japanio okazis la 34-a japana esperanto-kongreso, kie partoprenis kelkaj japanaj fervojistaj esperantistoj.

*14. Fina komentario.*
Laŭ la raportoj de la landaj asocioj mi povas konstati, ke la membronombro de preskaŭ ĉiu landa asocio montras malkreskon. Tiu ĉi fakto devigas nin direkti nian atenton al tiu agadtereno. Mi scias, ke tiu tendenco ekzistas en la tuta esperanto-movado, en la kadro de UEA kaj aliaj esperanto-organizaĵoj. La daŭra ekonomia krizo en la tuta mondo, la rapidaj ŝanĝiĝoj en la fervojaj organizaĵoj, la privatigoj de la retoj, la malkresko de la nombro de la fervojistoj, antaŭtempaj pensiigoj, ne dungado de junaj fervojistoj ktp ne helpas nian agadon.
En kelkaj landoj malboniĝas la financa kaj ekonomia situacio. Oni malaltigas la apogon por la esperanto movado. Antaŭ kelkaj jaroj florantaj landaj asocioj jam plendis pri la cirkonstancoj, kiuj malfavore influas la movadan vivon, malhelpas la evoluon, eĉ kaŭzas ĉiam pli grandajn problemojn.
Mankas la gejunuloj en ĉiu lando, kaj maljuniĝas la fervojista esperanto-movado, eĉ mankas la posteuloj, kiuj volus kaj kapablus transpreni la gvidadon de la asocioj.
La lastajn jarojn, la nombro de la partoprenantoj en la IFEF-kongresoj draste malkreskis. La kongreskotizoj kaj restadkostoj estas tro altaj, pro tio granda parto de la esperantistaj emeritoj ne povas partopreni en la kongresoj.
Legante la raportojn de la landaj asocioj, mi tamen havas esperon sur la tereno de la fervojista Esperanto-movado, ĉar :
- inter la fakaj asocioj de UEA la fervojistoj havas la plej multnombran kaj aktivan federacion ;

- ĉiujare ni organizas memstaran kongreson ;
- sur la faka tereno ni produktis kaj flue produktas rezultojn, kiel la UIC-terminaron, la belaspektajn naciajn fakvortarojn, la fakajn kajerojn, la fakprelegojn, la altnivelajn fervojfakajn organojn, la lingvouzadon en la kadro de FISAIC ktp ;
- helpe de la laborplano de "Kampanjo 2000" ni povas vigligi nian movadon, pli forte kaj efike agadi.

Tiuj rezultoj kaj planoj donu al ni esperon por la estonto.

Budapeŝto la 11an de majo 1998

István Gulyás
Vicprezidanto de IFEF

# Intervjuo de d-ro Petro Chrdle

Virtuala intervjuo kun d-ro Petro Chrdle.

Uzante la eblojn de moderna tekniko mi havas bonan ŝancon per Interreto intervjui la IFEF-anon, kiu estis elektita estrarano de UEA. Temas pri d-ro Petro Chrdle el ĉeĥa respubliko.

*Red : ĉu vi povas prezenti al niaj legantoj la novan UEA-estraron kaj mencii vian personan taskon en ĝi?*

La nova prezidanto de UEA fariĝis Kep Enderby el Aŭstralio, vicprezidanto Renato Corsetti el Italio, ĝenerala sekretario Michaela Lipari, ankaŭ el Italio, kaj la ceteraj estraranoj Gbeglo Koffi el Togolando, Kalle Kniivila el Svedio kaj mi.
Mi respondecos en la estraro pri faka kaj scienca agadoj kaj pri instruado.

*Red : Laŭ mia scio vi estas verŝajne la unua membro de IFEF, kiu en nia historio fariĝis estrarano de la plej granda organizaĵo en Esperantujo. Ĉu vi, pro tio, ne malfidelos al IFEF ?*

Certe ne, kvankam ekzistis jam iu danĝero, ke mi devu forlasi IFEF, post kiam mi forlasis Fervojan esplorinstituton en Prago, do ankaŭ fervojon. Sed laŭ la nova IFEF-statuto, ne nur aktivaj fervojistoj kaj pensiuloj, sed ankaŭ iamaj fervojistoj rajtas membri en IFEF, mi do volonte restis ĝia membro. IFEF ja estis la unua internacia Esperanto-organizaĵo, en kiu mi komencis aktivi, kiel gvidanto de ne plu



*Dum la vizito de Jaromír Babiča kaj Per Engen ĉe Petro Chrdle en Dobřichovice apud Prago.*
*Foto : S Chrdlová*

ekzistanta Fake Aplika Komisiono, mi tre ĝojas, ke Fervojfakaj kajeroj, kiujn mi iniciatis dum la IFEF-kongreso en Hamar aperadas ĉiujare (precipe dank'al mia samlandano Ladislav Kovar) kaj mi trovis ene de IFEF multajn amikojn. Krome, mi vo-

lonte servas al fervojo laŭ miaj ebloj, ankaŭ alimaniere, ekzemple per mia profesia kongresa entrepreno KAVA-PECH, kiu jam kunlabore kun ĉeĥaj Fervojoj organizis por FISAIC dufoje Internacian konkurson de Filmo kaj Video (1993 kaj 1997) kaj venontjare organizos la kongreson de FIRAC (radioamatoroj - fervojistoj). Mi do vidas nenian kialon pri ajna malfideleco al IFEF, mia ŝatata organizaĵo.
Des pli, ke mi ja respondecas ene de UEA pri la faka agado, do ankaŭ pri la kunlaboro de UEA kun IFEF, kiu ja estas jam ekde la jaro 1953 aliĝinta al UEA. Mi bone konscias, ke la rilatoj inter UEA kaj IFEF estas tradicie tre bonaj, do tiurilate ne atendas min tro da laboro.
Ja UEA-komitatano por IFEF István Gulyás bone reprezentas nian fervojistan organizaĵon en la UEA-komitato kaj nia honora prezidanto Joachim Giessner fariĝis honora membro de UEA ĉefe pro sia Esperanto-agado enkadre de la fervojistoj. Ĉu tio ne estas klara signo, kiel UEA alte taksas la gravecon de la laboro ene de IFEF?
Kaj mi povas simple promesi, ke la bona harmonio en la kunlaboro inter IFEF kaj UEA sub mia respondeco pri faka agado daŭru plu.

*Red.: ĉu ni povos renkonti vin persone dum la IFEF-kongreso?*

Espereble jes. Mi kun mia edzino Stanjo planas partopreni la IFEF-kongreson en Le Mans kaj jam antaŭĝojas ĝuon de la tradicie perfekta Esperanto-etoso dum ĝi.

*Red.: Dankon por la intervjuo. Kaj fine mi deziras al vi (ankaŭ nome de la legantoj de IF) multajn sukcesojn en via nova grava funkcio*

D-ro Petro Chrdle, Anglicka 878,
CZ-25229 Dobrichovice (Prago)
Tel: ..420.2.9912201,
fakso: ..420.2.9912126
rete: chrdle@kava-pech.cz,
http://WWWkava-pech.cz

## I.F.E.F. agadas...kaj petas...

Okaze de jaro 2 000, U.E.A. decidas kreskigi la esperantan movadon kadre de kampajno 2 000.
I.F.E.F. decidas kunlabori en tiu agadplano, kies celo konsistas indiki konkretajn faritaĵojn prepare al nova jarcento. La ĝeneralaj celoj estas :
- levi la organizan kaj idean nivelon de la esperanto-komunumo ;
- levi la prestiĝon de la internacia lingvo;
- influi la internacian lingvon.

La estraro ankaŭ decidas kompletigi la historion de I.F.E.F. de la jaro 1984 ĝis la jaro 2 000.



La kasisto :
*"Ĉu ankaŭ mono aperos ?"*

Tiuj agadoj postulas de I.F.E.F.fortojn, kapablojn...kaj monon.
Pri fortoj kaj kapabloj, I.F.E.F. povas plenumi sed pri mono la kasisto ...iom plendas kaj petas (se eblas) monhelpon de I.F.E.F.-anoj.
Konsekvence I.F.E.F.starigas fonduson cele al, finance, plifirmigi la sukceson de kampanjo 2000.
La bonvolemuloj, bonvolu sin turni al nia kasisto, kies necesaj informoj troviĝas sur la lasta paĝo de nia revuo.

I.F.E.F. antaŭdankas.

# Festo okaze de 90jariĝo

Honora Membro de IFEF, s-ro Jaromir Babička, ĉeĥa Respubliko, priskribis sian vivon en *Internacia Fervojisto* n-ro 1995.3, kaj travivis la 8an de aŭgusto 1998 la 90an datrevenon de sia naskiĝo.

Okaze de tiu evento ĉeĥaj amikoj aranĝis la 28an de aŭgusto festeton en la



*La festeno-torto ne nur belaspektis, sed ankaŭ bongustis... Malantaŭ la triopo de la honoraj IFEF-anoj jam portas toston la sekretariino de Ĉea Květa Hubnová*

-antaŭe imperiestra, nun registara -salono de la ĉefstacidomo de Prago. Impona salono kun grandegaj speguloj, lignogravuraĵoj, pentraĵoj kaj aliaj ornamaĵoj.

Partoprenis reprezentanto de la ĝeneraldirekcio de ČD kaj sekretario de la ĉeĥa landa asocio de FISAIC, Ph.Dr. Anna Abelovská, kvin eksterlandaj IFEF-membroj (estrarano, du honoraj prezidantoj, honora membro kaj DEFA-estrarano), krom dudek-kelkaj anoj de ĉeĥaj esperantanoj, i.a. la IFEF-ĉefkomitatano.

Ĉe la pinto "prezidis" 90jara Babička, kiu ricevis amason da donacoj kaj pli da belaj -sed ĝustaj -vortoj, da kisoj de belknabinoj, da manĝo kaj trinkaĵoj, kaj li per brila vizaĝo kaj spirite-sprite belformaj oratoraĵoj prirakontis kaj kvitancis ĉiujn situaciojn.

La seancon diskrete kaj kun ne pli ol necesa bruo gvidis d-ro Petro Chrdle, novbakita UEA-estrarano pri fakaj aferoj, kaj la sukulentan manĝaĵon prizorgis Mirka (kies familian nomon mi ne aŭdis aŭ sukcesis kapti).

Post kelkhora agrabla kunestado ĉiuj disiĝis, kontentaj pro la ebleco celebri nestoron, kies ĝojo, ĝuo kaj kontento pri la omaĝo estis klare videbla.

Eho

---

***Mesaĝo de nia honora jubilanto:***

Okaze de mia naŭdekjariĝo mi ricevis amason da gratulleteroj, kiuj tre plezurigis min. Plejparto el ili estis de vi, miaj amikoj, esperantistoj-fervojistoj. Mi petas komprenon, ke ne estas en homaj fortoj, ĉiujn respondi kaj al ĉiuj unuope danki.
Tial mi nun publike (tamen amike kaj sincere) dankas al vi ĉiuj, kiuj sendis al mi la gratulvortojn.

Via Jaromir Babička

# La 40-a Internacia Fervojista Esperanto Ski-semajno 14.02 -20.02.1999

## KARPACZ-Pensiono Halny-Pollando

Unuaj informoj pri Karpacz devenas el XIV/XV jarcentoj. Fervojon al Karpacz oni alkondukis en 1895 jaro. Ĉi tio kaŭzis, ke iama vilaĝo de paŝtistoj kaj teksistoj rapide transformiĝis kaj fariĝis ripoza kaj sporta loko.

Urbeto estas pitoreske situata loko en la Montaro Karkonosze (parto de Sudetoj). Kiel urbo ĝi estas nova, ĉar urbajn rajtojn ĝi ricevis en la jaro 1959. Proksime al Karpacz troviĝas la plej alta pinto de Karkonosze (1602m.), ĝi nomiĝas Śniezka. El la pinto disvastiĝas belega panoramo de Karkonosze (pola kaj ĉeha partoj).

Unu el la kvartaloj de Karpacz estis Bierutowice (nun Karpacz Górny), kie estas multe da ripozdomoj. Tie troviĝas historia sanktejo, kiu allogas multajn turistojn. Ĝi estas ligna preĝejeto *Vang*, devenanta el la unua duono de la XIII jarcento. En la jaro 1841 aĉetis ĝin en Norvegujo prusa reĝo Frederiko Vilhelmo la IV, oni translokis ĝin al Karpacz kaj rekonstruis.

El Karpacz kondukas kelkaj itineroj, inter alie al la ŝirmejo *Samotnia ĉe* belega lageto *Maly Stow* kaj al la pinto de *Śniezka*.

Montaro *Karionosze* estas nacia parko.

Urbeto Karpacz estas situata je distanco 17 km de Jelenia Góra. En pensiono *Halny* estas 2-kaj 3-personaj ĉambroj kaj du dupersonaj apartamentoj. En domo troviĝas kafejeto, saŭno kaj sporta ĉambro (uzado aparte pagata).

Je distanco c. 500m. troviĝas seĝolifto al monto *Kopa*. Ĉe ambaŭ flankoj de pensiono troviĝas 4 trenliftoj kaj ankaŭ skiterenoj por komencantoj. Je distanco 700m. troviĝas skitereno por *snowboard*. Neskiantoj povas promeni.

**Aligkotizoj: kat A** -por okcidentanoj 40 DM
-**kat B** -por homoj el postsocialismaj landoj 15 DM

**Prezoj por tranoktado kaj manĝado** (dufoje dum tago: matene 8-10 horo, vespere 17-19 horo):

| | kat A | kat B |
|---|---|---|
| - apartamentoj (2-personaj) | 75 DM tago/persono | |
| - ĉambroj 2-au 3-litaj | 55 DM tago/persono | 40 DM |

Ĉiuj ĉambroj posedas banejon, televidaparaton kaj telefonaparaton.

**Kiel atingi Karpacz.**

Trajne vi povas vojaĝi de Wroclaw ĝis Jelenia Góra. De Jelenia Góra ĝis Karpacz per trajno je la 8.58 au 15.27 (alveno al Karpacz 9.39 kaj 16.09). En Karpacz vi devas uzi buson, kiu vojaĝas al direkto Karpacz Gorny. Sed pli bone estas jam en Jelenia Góra uzi buson. Bushaltejoj troviĝas tuj apud la stacidomo de Jelenia Góra. En Karpacz vi devas elbusiĝi ĉe la sanktejo *Vang* (swiatynia Vang) kaj de tie malantaŭen iri al la pensiono *Halny*.

*Janina Wereszka kun aliaj organizantoj*

**Atentigo :**

***Pola Fervojista Sekcio de PEA informas,*** *ke pro reorganizaj klopodoj en PKP ne okazos nia jarkunveno.*

*Aliĝilo al la 40-a IFES 14-20.02.1999*
**KARPACZ** *Halny tet 048/75/7619185*

**Mi aliĝas al la 40-a IFES**
**S-ro, S-ino**

Familia nomo.................................antaŭnomo.......................................
Adreso kun poŝtkodo.......................................................................
.........................................................................................................

Aĝo ...........................

**Mi deziras manĝi vegetare : jes / ne**

Mi deziras loĝi kune kun ...................................................................
Mi mendas restadon de ...............................ĝis........................................

Limdato de aliĝilo : **la 30-an de novembro 1998.**
Sumon de aliĝkotizo kaj dutagan restadkoston bonvolu sendi ĝis la 15.12.1998 al :
PEKAO SA ODDZIAL WROCLAW ul. Otawska 2
*Numero de konto* 090 12401994 A-03275821
Janina Wereszka ul. Klodoicka 43/27; 54-217 WROCLAW

Aliĝkotizo kaj kosto de unutaga restado estas nerepagebla.
Aliĝilon sendu al Janina WERESZKA, adreso kiel supre.
Dum IFES estos abunda programo kiel kutime. Ne forgesu kostumon por maskobalo.

**Mi konscias, ke aliĝilo validas nur post la pago de koncerna kotizo, kaj ke la aliĝkotizo ne inkluzivas asekuron.**

...................................                    ...................................
(Loko kaj dato)                    (Subskribo)

PS. Bonvolu trakti tre serioze vian aliĝilon, ĉar jam baldaŭ mi devas antaŭpagi 50% de kostoj de restado ĉirkaŭ 30 personoj (el propra poŝo).

✂ ************************************************************

## Gratulojn

La 04an de novembro 1998, s-ro **Germano Gimelli** atingos la aĝon de 85 jaroj. Pro lia granda merito, en jaro 1977 li estis nomumita honora membro de IFEF.

La 23an de decembro honora prezidanto de IFEF, s-ro **Joachim Giessner** iĝos 85jara. Li estis prezidanto de IFEF de 1968 ĝis 1990 kaj multe agadas por esperanto.

Plej sincerajn dankojn kaj gratulojn al la jubiluloj.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1998.6
50a eldonjaro

Dumonata fervojfaka
revuo en Esperanto
kaj organo de
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Danapoŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banagårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo
julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270

## Korektado pri la artikolo "Nia skisemajno perdis sian patrinon"

*(IF 1998.4 paĝo 61)*

S-ro Johann GEROLDINGER petas min aldoni, ke ne nur li subskribis tiun artikolon sed ankaŭ s-roj POPULORUM Karl kaj WAGNER Franz.
La redaktoro senkulpigas

## Forpaso

Multjara membro de FFEA kaj de IFEF, **Guy Delaquaize** 77jaraĝa mortis la 29an de septembro 1998. Li multe agadis en la esperanta movado (nacia kaj internacia). Li plenumis la taskojn de prezidanto de FFEA, redaktoro kaj komitatano de IFEF. Li helpis pri la organizo de la IFEF-kongresoj okazintaj enFrancio kaj pri multaj naciaj kongresoj.

IFEF kliniĝas al lia familio.

Li ripozu pace.

## Adreso-ŝanĝo

Dieter Hartig informas nin, ke en sia adreso la dom-numero nun estas 55 (ne plu 59).
Jen la tuta adreso: Dieter Hartig
August-Hagedorn-Allee 55
DE-28 279 Bremen
Tel./Fakso :0421/847 68 06

## Fervoja Koresponda Servo

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu, se eble, internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.